# Etnismo

ISSNO930

N-ro 85 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 31.05.2010



***EN TIU ĈI NUMERO:***

*Alain Favre*

*E pure tei te nu'u tai mimiha; o te moana te marae nui te aonei.*

**Estis preĝo en la ruliĝanta kaj moviĝanta oceano; la maro estis la granda sanktejo de l'mondo. (el la tahitia)**

# FRANCA POLINEZIO, ĈU CENTRE DE LA NOVA MONDO?

Kiam la fama kapitano *James Cook* alvenis en Nov-Zelandon, en la jaro 1769, li sukcesis iom interparoli kun la lokanoj, la maorioj. Ne ĉar li lernis la maorian – li estis sur la dua eŭropa ŝipo, kiu vizitis tiujn belajn sudajn insulojn, kaj la nederlandanoj de la unua, kelkajn jardekojn antaŭe, ne forportis aparte bonajn memoraĵojn, pluraj el ili estis eĉ mortigitaj de la indiĝenoj. Kaj, kompreneble, en tiu tempo, la angla ankoraŭ ne estis tiu internacia lingvo, kiun uzas interalie la aŭtoktonaj popoloj en siaj tutmondaj kongresoj. Sed, sur tiu fama ŝipo *Endeavour*, troviĝis ankaŭ tahitiano, kiu rapide komprenis, kiel fonologie funkcias la maoria kompare kun lia propra lingvo, kaj sukcesis establi komunikon. Se diri la veron, multegaj vortoj estas tre aŭ eĉ tute similaj en tiuj du polineziaj lingvoj.

Tio montras kaj la dissemitecon de la polinezia popolo kaj ĝian tamen profundan koheron. Sed la alveno de eŭropanoj, kiel en multaj aliaj regionoj de nia planedo, profunde modifis la vivon en Pacifiko kaj altrudis komplikan politikan disdividon. Nun, en la plej granda oceano de la mondo, troviĝas sufiĉe multaj ŝtatoj postkoloniaj. Sed kiu surstrata eŭropano kapablus nomi kvin el ili? Aliflanke, ne ĉiuj el tiuj teritorioj akiris sendependon, kaj eble longe ne akiros.

## AŬSTRONEZIAJ MARISTOJ

Oni nomas "aŭstroneziaj" lingvojn parolatajn en multaj insuloj de sudorienta Azio (Tajvano, Filipinoj, Indonezio), en preskaŭ ĉiuj pacifikaj insularoj kaj ankaŭ en Madagaskaro. Kelkajn oni trovas ankaŭ sur la azia kontinento, ĉefe en la duoninsula parto de Malajzio kaj en suda Vjetnamio, kaj oni opinias, ke iliaj unuaj parolantoj vivis sur la marbordo de suda Ĉinio, antaŭ 5.000 jaroj. Poste ili migris al Tajvano – kie la indiĝenoj plu uzas tiajn lingvojn – , al Filipinoj kaj de tie, per siaj longaj pirogoj, de insulo al insulo, ili atingis pli kaj pli forajn lokojn. Iom strange, Aŭstralio ne estis tuŝita, kaj Nov-Gvineo nur en kelkaj lokoj.

Kvankam la teroj atingitaj de tiuj navigantoj – tutcerte la plej kapablaj tutmonde en tiu epoko – estis foje senhomaj, oni opinias tamen, ke nemalofte ili jam estis loĝataj, kiel ekzemple la insuloj de Melanezio, kies loĝantoj plejparte adoptis aŭstroneziajn lingvojn. Fakte kulturoj kaj genoj tre intermiksiĝis, tion oni povas ankoraŭ nun facile konstati.

## PACIFIKA TRIANGULO

Polinezio estas la plej orienta parto de Oceanio, kaj samtempe de Aŭstronezio. Oni povas enkadrigi ĝin en preskaŭ egalflanka triangulo, kun norda pinto en Havajo (usona ŝtato), sudokcidenta en Nov-Zelando (sendependa membro de la eks-Brita Komunumo de Nacioj) kaj sudorienta en Paska insulo (dependaĵo de Ĉilio). Tamen distingi Melanezion disde Mikronezio ne tre facilas, ĉar kelkaj insuloj ene de la triangulo – kiel la Gilbertaj (ŝtato Kiribatio) – estas parto de Mikronezio, dum, tute ekster la triangulo, en Melanezio, oni povas trovi polinezi-lingvajn insulojn, kiel ekzemple en iuj partoj de la Nov-Kaledonia arkipelago (dependaĵo de Francio).

La polineziaj insuloj estas ĉu vulkandevenaj ĉu koralrifaj, ofte atoloj, aparte minacataj de la klimata varmiĝo. Ili konstruiĝis sur submaraj vulkanoj – fakto, kiun *Darwin* demonstris la unua. Plejmulte ili estas etsurfacaj, krom Nov-Zelando kaj la sudaj Havajaj insuloj. Multaj el la plej malgrandaj ne povas esti loĝataj en normalaj kondiĉoj, tutsimple ĉar mankas dolĉakvo.




Vikimedio. *Reisio.*

**La insuloj interne de la triangulo formas Polinezion.**
**1. Paskinsulo. 2. Havajo. 3. Novzelando.**
**4. Tahitio. 5. Samoo. 6. Fiĝioj.**

## DUMILJARA LOĜANTARO

La ekloĝado en Polinezio okazis kompreneble laŭgrade, pli-malpli de okcidento al oriento. Kvankam precizaj fontoj ne povas esti, oni opinias, ke la unuaj setladoj en Polinezio okazis iom antaŭ la kristana epoko. Homoj foriris al serĉado de novaj teroj, ĉu pro manko de loko, ĉu post batalo inter klanoj, ĉu pro aventuremo. Tiu netimo fronte al oceano, kiun nur Magelano opiniis “pacema”, estas vere rimarkinda. Ŝajnas, ke la plej orienta punkto, Paska insulo, estis atingita proksimume je la kvara jarcento p. K., kaj Nov-Zelando multe pli malfrue.

Kiel vivis la polinezianoj antaŭ la alveno de la eŭropanoj? Pri la materia vivo oni sufiĉe bone povas konjekti. Sur grandaj, foje kunligitaj pirogoj, la homoj kunprenis plantojn – precipe semojn kaj tuberojn – kaj bestojn, interalie porkojn. Tiu simpla kultivado kaj bredado, kune kun abundaj naturaj produktoj – fruktoj en la tropikaj arbaroj, kokosoj sur la strandoj kaj atoloj – kaj kompreneble fiŝkaptado provizis sufiĉan nutran bazon. Interesa fenomeno estas la tre ĝeneraligita kultivado de la batato, kio pruvas la ekziston de kontaktoj kun Sudameriko. En tiuj varmaj klimatoj dusezonaj (kun pluva kaj seka periodoj), la domoj estis simplaj, lignaj kun plej ofte palmofoliaj tegmentoj, do facile rekonstrueblaj post pluvego kaj uragano.

Insulo aŭ eta insularo plejofte havis reĝon aŭ reĝinon, sed en vulkanaj insuloj montaraj povis esti pluraj klanoj laŭ la valoj. Kvankam komerco inter tiuj malsamaj politikaj unuoj ofte okazis, estis ankaŭ militoj, kun kutima praktiko de kanibalismo – kies viktimoj povis poste esti ankaŭ eŭropanoj, taksitaj bongustaj, kvankam foje iom tro salitaj.

Inter la kulturaj specifoj de Polinezio, kiuj restis ĝis nun, bone konatas la tatuarto (fakte kundividita kun aliaj aŭstroneziaj popoloj), la ceremonioj, dancoj kaj kantoj, kiujn ni ne detalos ĉi tie; ni menciu nur, ke la kordinstrumentoj (kiel ekzemple la fama ukulelo) alvenis nur kun la eŭropanoj aŭ estis kreitaj surbaze de ties instrumentoj. Antaŭe ekzistis nur korusoj kaj tamburoj.



Vikimedio. Fototeko de la Museo de la Homo tra *French National Library URL.*

**Kvar junaj tahitianoj, unu ludas nazan fluton. 1860–1879.**

La polinezia religio estas malbone konata, ĉar tabuita – se uzi tiedevenan vortradikon – jam de la unuaj kristanaj misiistoj, komence de la deknaŭa jarcento. Kaj skriba tradicio ne ekzistas – krom en Paska insulo, sed tiuj skribaĵoj ĝis nun ne deĉifreblas, kvankam la lingvo plu vivas. Entute tiu religio estas, aŭ pli ĝuste estis, tre malfacile komprenebla por okcidente agorditaj mensoj. Ekzistis dioj en diversaj kategorioj: la ĉefaj, kreintoj de la mondo; la klanaj; kaj la familiaj (plejofte diigitaj praŭloj kaj mortintaj gvidantoj), kun eblo ŝanĝi kategoriojn. Sed ekzistis ankaŭ iaspeca ĝenerala dia principo, de kiu devenas la *mana* – persona kapablo – kaj la *tapu* aŭ *tabu* – netuŝendo aŭ nealirendo de lokoj, personoj … Ekzistis multaj mitoj, buŝe trans-donitaj de gene-racio al generacio. Kompreneble par-to de tiuj kredoj restis en la lokaj formoj de krist-anismo. Interalie la *marae* (sankt-ejoj el lafaj aŭ koralaj ŝtonoj) plu estas respektataj.



## KVININSULARA TERITORIO

Post tiuj ĝeneralaĵoj pri Polinezio, ni alvenu al ties francia parto. Verdire Francio posedas du teritoriojn en tiu parto de Oceanio; temas okcidente pri Valiso kaj Futuno (*Wallis et Futuna*), kun du ĉefaj insuloj kaj malpli ol 13.000 loĝantoj, kaj oriente pri Franca Polinezio (*Polynésie française*), multe pli vasta kaj loĝata.

Sed tiu vasteco estas precipe oceana, ĉar la teroj, se oni kunigas ĉiujn insulojn, okupas nur proksimume 4 000 kvadratajn kilometrojn, tio estas la duono de Korsiko. Ridinde kompare kun la oceana surfaco, pli ol 4.000.000 kvadrataj kilometroj, preskaŭ kvaroble pli ol la eŭropa Francio! Kaj el la ĉirkaŭ 250.000 loĝantoj, preskaŭ 180.000 loĝas sur unu insulo, Tahitio. Kvankam temas pri la plej granda terpeco (pli ol 1000 kilometraj kvadratoj, tamen parte montaraj), ĝia loĝdenseco ŝuldiĝas ankaŭ al la tipe franca centrema politiko.

Do, facile imageblas la "perditeco" de iuj insuloj, pro tiu fenomeno, kiu nutras sin kiel malvirta cirklo, kvankam ŝajnas, ke la loĝantaro denove kreskas sur iuj insuloj.

**Ni nun prezentu tabele la kvin insularojn, kiuj konsistigas la teritorion; krome estas kvin distriktoj, kiuj ne tute respondas al la arkipelagoj.**

| insularo | situo | insul-nombro | aspekto | surfaco km² | loĝantoj | Distrikto |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Societaj insuloj | okcidenta | 14 | ĉefe vulkanaj | 1.600 | 215.000 | Ventaj insuloj Subventaj insuloj |
| Tuamotuoj | centra | 78 | koralaj | 850 | 15.000 | Tuamotuaj-Gambieraj insuloj |
| Gambieraj insuloj | sudorienta | 14 | ĉefe vulkanaj | 30 | 1.300 | Tuamotuaj-Gambieraj insuloj |
| Markizaj insuloj | nordorienta | 14 | vulkanaj, montaraj | 1.000 | 8.600 | Markizaj insuloj |
| Aŭstralaj insuloj | sudokcidenta | 7 | vulkanaj | 150 | 6.300 | Aŭstralaj insuloj |

Tute izolita nordoriente kaj postulata de Meksikio, la atolo *Clipperton* estas (plejofte) neloĝata dependaĵo de Franca Polinezio.

La ĉefurbo de la teritorio estas *Papeete*, sur la insulo Tahitio (Societaj insuloj Ventaj); sed, kun iom pli ol 26.000 loĝantoj, ĝi ne plu estas la plej loĝata urbo de la insulo, ĉar la tute apuda *Faa'a*, kie troviĝas la flughaveno, nun alproksimiĝas al 30.000.

## POLINEZIA, SED DIVERSASPEKTA




Franca Polinezio.

Adaptita el Vikimedio.

Krom la aparteno al Polinezio, tiuj insularoj estas tre malsamaj unu de la alia; ili fakte estis kunigitaj de la franca politika povo. Tiu diverseco vidiĝas en la lingvoj, ja ĉiuj polineziaj kaj ofte grupigitaj sub la foje kontestata nomo *reo ma'ohi*. En la realo tiuj lingvoj foje pli similas aliajn (la samoan, la havajan…) ol unu la alian. Kiel en aliaj lokoj de la mondo, ne estas facile distingi inter "dialekto" kaj "lingvo". Sed en tiu kazo la problemo koncernas ĉefe la Aŭstralajn insulojn, sufiĉe disajn por ke oni plej ofte konsideru po unu lingvon insule. Jen do tiuj lingvoj, kun interkrampe la supozata nombro de parolantoj:

Societaj insuloj: la tahitia, *reo tahiti* (150.000);
Tuamotuoj: la paumotua, *reo pa'umotu* (14.000 en la insularo, pluraj miloj en Tahitio);
Markizaj insuloj: la markiza (8.000 surloke, la sama nombro en Tahitio), preskaŭ egale disdividita inter la *reo 'enata* (sudoriente) kaj la *reo 'enena* (nordokcidente);
Gambieraj insuloj: la mangareva, *reo magareva* (1.000);
Aŭstralaj insuloj: la tuhaapaa, *reo tuha'apae* (7.200, inkluzive de kelkaj centoj en Tahitio), ofte disdividita inter la *reo rapa* (700), *reo rurutu* (2.500), *reo tubuai* (1.500), *reo rimatara* (1.100) kaj *reo raivavae* (1.500).

Entute preskaŭ 200.000 homoj parolas polinezian lingvon en la teritorio, kio estas granda plimulto; preskaŭ ĉiuj polinezianoj plu uzas sian lingvon en la ĉiutaga vivo, kune kun la franca, kiun nur kelkaj maljunuloj – kaj la malmultaj homoj ne frekventintaj lernejon – ne konas.

Laŭ neoficialaj statistikoj – ĉar etnaj konsideroj estus neleĝaj en la franca administrado – jen la grupoj, el kiuj konsistas la nuna loĝantaro:
Polinezianoj: 78%;
Eŭropanoj: 12%;
Azianoj (ĉefe ĉinoj): 10%.

En Tahitio estas ĉirkaŭ dekmil miksdevenaj homoj, ŝajne precipe franckulturaj, sed kalkulitaj en diversaj grupoj laŭ la fontoj.

Ankaŭ la religia aparteno, kvankam nun ĉefe kristana, estas tre varia, kaj tio kompreneble revenigas nin al la historio de la teritorio.

## FRANCOJ KONTRAŬ BRITOJ

En pluraj partoj de la mondo, la kolonia epopeo kontraŭstarigis Francion al Britio, kaj tio okazis an-



Vikimedio.

**Pentraĵo de *William Hodges*, 1776. Funde la du ŝipoj de la dua esplorvojaĝo de la kapitano *James Cook* en Pacifiko, ankritaj en la tahitia golfeto de *Matavai* kun antaŭe fiŝkaptistoj.**

fiaskis, malgraŭ la konvertiĝo de *Pomare* al protestantismo en 1812. Denove en 1825 protektorato estis rifuzita; tiam intervenis la juna kaj brila pastoro *George Pritchard*, kiu bone rilatis kun la nova reĝino, same nomita *Pomare*. Sed en 1836 alvenis katolikaj misiistoj francaj, tuj forigitaj laŭ

kaŭ en Pacifiko. Forigitaj en Kanado kaj Barato, la francoj iom pli bone elturniĝis en Oceanio.

En 1767, la brita *Samuel Wallis* malkovris Tahition, kaj la lokanoj, post komenca paniko, bone akceptis tiujn strangajn homojn palhaŭtajn. Sed, en la sama jaro, kelkajn monatojn poste elŝipiĝis la franca *Louis-Antoine de Bougainville*, same bone akceptita; la eŭropa ŝipanaro restis plurajn monatojn en tiu nova paradizo. Ankaŭ la fama kapitano *James Cook*, pri kiu ni jam parolis, vizitis Tahition du jarojn poste kaj esploris la Markizajn insulojn. Tamen la brita kaj franca registaroj ne aparte interesiĝis pri tiuj perditaj terpecetoj, tiom pli, ke okazis en Eŭropo la revoluciaj turmentoj kaj ties sekvoj. Sed oni scias, ke jam en tiu tempo multaj ŝakristoj kaj aventuristoj navigis pli malpli diskrete en tiuj foraj maroj.

La oficialuloj do tendencis preterlasi tiujn pacifikajn insularojn, sed ĉar tie troviĝis savendaj animoj, misiistoj baldaŭ decidis serioze okupiĝi pri ili. Tial, ekde 1797, la Londona Societo por la Misioj sendis predikantojn al Tahitio, kiuj rapide enmiksiĝis en la komplikajn aferojn politikajn de la insuloj. Helpante la reĝon *Pomare* II, kiu devis kvietigi ribelojn, ili esperis establi britan protektoraton sur la insulo sed

instigo de *Pritchard*, sed ne porlonge. Post diversaj peripetioj kaj influaj luktoj inter *Pritchard* kaj la franca kapitano *Dupetit-Thouars*, Francio sukcesis establi la protektoraton en 1843; post novaj komplikaj okazaĵoj kaj okupacio de la insulo fare de franca armeo, la protektorato estis perforte renovigita en 1847, sed la Subventaj insuloj restis sendependaj dum pluraj jaroj, pro la lerteco de *Pomare*, kiu donacis ilin al siaj filinoj. Francio devis atendi la Konvencion de Nov-Hebridoj (1887) por akiri tiujn insulojn, aviditajn ankaŭ de Britio, Usono kaj Germanio. La Tuamotuoj kaj la Aŭstralaj insuloj estis aneksitaj en 1880, kiam la reĝo *Pomare* V, kiu posedis ilin, transdonis sian povon al la franca respubliko; tamen iuj insuloj rezistis ĝis la fino de la jarcento. La Markiza arkipelago, kie nur katolikaj misiistoj sukcesis establiĝi, fariĝis franca protektorato jam en 1843. Fine la Gambieraj insuloj, ankaŭ katolikigitaj, konis la saman sorton en 1844. Hodiaŭ en la teritorio la nombro de katolikoj kaj de "oficialaj" protestantoj (membroj de *Eglise protestante ma'ohi*) estas pli malpli egalaj (sed statistikoj tre malsamas laŭ la fontoj, laŭ iuj la protestantoj konsiderinde pli multas), kaj oni trovas

sufiĉe multajn adventistojn, mormonojn, kaj ankaŭ *sanito* (membrojn de la “reorganizita eklezio de Jesuo Kristo de la sanktuloj de la lastaj tagoj”); aldone iuj evangeliaj eklezioj daŭre gajnas adeptojn. Ni notu, ke la tolero al protestantismo estis nepra kondiĉo, por ke Britio akceptu la francan protektoraton sur la Societaj insuloj meze de la 19-a jarcento.

Ekde 1903 la kvin insularoj, plene sub la suvereneco de Francio – la lokaj monarĥioj malaperis –, estis administrataj kadre de la Francaj Establoj de Oceanio.

## LA “POZITIVAĴOJ” DE KOLONIADO

Fine de 2005 estis granda debato en Francio, ĉar voĉdonota leĝo postulis, ke en lernejoj oni instruu la “pozitivajn aspektojn de koloniado”. Fakte la 19-a jarcento estis absolute terura por la polinezianoj. Ne nur la politikaj, kulturaj, religiaj ŝanĝoj tute aliigis la tradiciajn sociojn, sed ankaŭ militoj kaj, multe pli draste, eŭropdevenaj malsanoj mortigis milojn da homoj. Ekzemple oni taksas je centmil la nombron de tahitianoj dum la restado de *Cook*; kvindek jarojn poste, en 1820, ili estis nur 6.000!

Sed oni povus argumenti, ke la vera koloniado komenciĝis pli malfrue, eĉ en la unuaj jaroj de la 20-a jarcento. Sen vera sukceso oni provis enkonduki novajn kultivaĵojn en la insularojn, ekzemple vanilon. La francoj kutimis – kaj plu kutimas – kritiki la polinezianojn pro iliaj senlaboremo, “tag-al-taga” vivmaniero, manko de entreprenemo, nekonstanteco. Sed, kvankam nombre plimultaj en sia teritorio – kio ne estas la kazo de maorioj aŭ havajanoj –, ili vivas



http://souvenirs-de-mer.blogdns.net/spip.php?article225

**Atombomba eksperimento en *Mururoa*.**



Vikimedio, fotis *Frederick O'Brien*, 1909.

**Markizinsula ĉefino.**

pli kiel multaj minoritataj popoloj. La tipo de ekonomio, kiun oni altrudis al ili, estis kaj plu estas metropoldependa. Evidenta problemo de la polinezianoj estas obezeco. La belaj kaj sveltaj adoleskantoj ofte iĝas dikeguloj, eĉ antaŭ ol atingi tridekjariĝon. Fakuloj opinias, ke tio devenas de adaptiĝo al sengrasaj nutraĵoj dum generacioj, post kiu rapide alvenis alia nutromaniero, riĉa je grasoj kaj sukeroj, kontraŭ kiuj la polinezianoj ne estas genetike ekipitaj. Kompreneble tio kuntrenas gravajn sanproblemojn kiel diabeton kaj kormalsanojn.

Ni ne enprofundiĝos en la historion de la unua parto de la dudeka jarcento. Kiel la aliaj kolonioj, Franca Polinezio sekvis la eventojn kaj ankaŭ la konfliktojn de la metropolo, foje de malproksime, sed foje devige tre koncernate, kiel en 1914, kiam *Papeete* estis bombita de la germanoj. Kompreneble la viroj devis batali dum la du mondmilitoj, kvankam ili ankoraŭ ne rajtis voĉdoni. Sed dum la lasta duono de la 20-a jarcento, kaj ĝis antaŭ eta dekkvino da jaroj, la plej terura el la armiloj furioze tondris en la Tuamotua insularo.



http://www.moruroa.org/medias/photo/PH161-Mururoa-centre-artisanal-19.jpg
**Ĉiutaga vivo dum la atombombaj eksperimentoj.**

## ATOMBOMBOJ

En 1957 la socialistoj, eble por eviti gravan krizon en tiu turmenta periodo malkoloniiga, donis iom da aŭtonomio al la teritorio, kio estis konfirmita la sekvan jaron, kiam enpoviĝis la fama *Charles de Gaulle*. En tiu sama jaro aperis la nomo *Polynésie française*, kiu validas ĝis nun. La granda obsedo de la generalo-prezidento estis la sendependo kaj mem-defendkapablo de Francio : tiu lando devis fariĝi atompotenco. Tial la franca registaro decidis okazigi atombombajn eksperimentojn, kompreneble en kiel eble plej izolitaj lokoj, unue en Saharo – sed ne longe, pro la sendependiĝo de Alĝerio – kaj poste en Polinezio. Konsekvence ekde 1966 plene funkciis la Pacifika Eksperimenta Centro (*Centre d'Expérimentation du Pacifique)*. Kompreneble la unuaj provoj estis aeraj. En Polinezio mem, almenaŭ komence, tio ne estis konsiderata kiel negativaĵo, ĉar tiu centro de eksperimentoj donis laboron al multaj, eĉ tiom, ke oni ne serioze pensis disvolvadi pli "normalajn" sektorojn de ekonomia aktivado. En 1975, post 46 eksplodoj atmosferaj en la sektoro de la tuamotuaj atoloj *Mururoa* kaj *Fangataufa*, oni decidis transiri samloke al subteraj. Estis almenaŭ du kialoj: la pli kaj pli viglaj protestoj kaj kontraŭagoj de asocioj kiel *Greenpeace*, kaj la alveno en Tahition, la 17-an de julio 1974, de radioaktiva nubo. *Greenpeace* plurfoje sendis ŝipon al la koncernataj atoloj. Sed granda internacia skandalo disvolviĝis en 1985, pro la eksplodigo far francaj sekretaj agentoj de la ŝipo *Rainbow Warrior*, posedaĵo de la asocio *Greenpeace*, en la golfo de *Auckland*, en Nov-Zelando, kiam unu homo estis mortigita.

Tiu hontiga epizodo estis kaŭzo por haltigi almenaŭ momente la eksperimentojn. Sed en 1995 la ĵus elektita prezidento *Jacques Chirac* decidis pri lastaj bombeksplodoj, antaŭ ol subskribi la traktaton pri malpermeso de atomarmilaj eksperimentoj (1996). Nov-Zelando, kune kun aliaj oceaniaj ŝtatoj kaj diversaj asocioj, protestis kontraŭ tiuj eksperimentoj – tute ne favorataj de la franca publika opinio –, sed ili tamen okazis.

Tuj poste, kiel promesite, post entute 146 subteraj eksplodoj, kiuj sekvis tiujn jam menciitajn en la atmosfero, la Pacifika Eksperimenta Centro estis fermita kaj malkonstruita. Tio kreis aliajn problemojn: pluraj miloj da homoj, inter kiuj multaj polinezianoj, laboris por la centro. Devenante de ĉiuj partoj de la insularo, ili plej ofte restis loĝi en Tahitio. Ne malmultaj el ili nun loĝas en la ladkvartalo de *Faa'a*, kiu apudas la flughavenon.

Ne nur sociajn, sed ankaŭ sanrilatajn konsekvencojn havis tiuj eksperimentoj, kaj ne nur la aeraj. Oni tre longe debatis tiun aspekton pri sano, sed finfine la franca armeo devis agnoski, ke gravaj malsanoj, in-



http://souvenirs-de-mer.blogdns.net/spip.php?article225
**La ŝipo *Rainbow Warrior* elakvigita por la enketo.**

interalie tre diversspecaj kanceroj, ja aperis inter la homoj plej koncernataj de tiuj eksperimentoj. Oni ankaŭ parolis pri soldatoj – precipe alĝeriaj kaj polineziaj –, kiuj estis uzataj kiel kobajoj kaj konsekvence ne aparte protektataj dum la eksperimentoj, dum la oficiroj surhavis efikajn kombineojn. Tio kondukis al aprobo de leĝo, promulgita la 6-an de januaro 2010, kiu antaŭvidas monkompensojn por tiuj, kiuj suferas pri tiaj malsanoj aŭ, se tiuj viktimoj jam mortis, por la heredantoj.



Vikimedio. Junio 2009, *Rémi Jouan*.
**Parlamentejo de Franca Polinezio en *Papeete*.**

Ke tia leĝo povis esti voĉdonita, venas grandparte el la lukto de la polinezianoj mem, kadre de ilia nova statuto, kaj el ilia kunagado kun la alĝeria registaro. Jen do evidenta pozitivaĵo de malkoloniado – eĉ se tralegado de la nuntempa gazetaro en Alĝerio kaj Franca Polinezio montras, ke tiu leĝo emas minimumigi la monkompensojn kaj verŝajne ne sufiĉos por kvietigi la mensojn.

## PLI SERIOZE MASTRUMENDA AŬTONOMIO

La civilaj rajtoj estis donitaj al gepolinezianoj en 1946. Tuj kreiĝis sendependisma partio, la *Rassemblement des Populations Tahitiennes* (Kuniĝo de la Tahitiaj Loĝantaroj), kiu akiris la plejmulton en la Societaj insuloj. Sed tio ne plaĉis al la tre naciisma *De Gaulle*-a reĝimo, kaj la karisma gvidanto de *RDPT*, *Pouvanaa Oopa*, estis enkarcerigita komence de la sesdekaj jaroj. Kompreneble tio tute ne haltigis la emon al memregado: en 1977 unua aŭtonomia statuto estis donita al la teritorio, kaj dua, pli kompleta, en 1984, kadre de la leĝoj pri malcentrigo, kiuj koncernis tutan Francion. Ekde tiam Franca Polinezio disponas pri sufiĉe forta aŭtonomio, kun asembleo de 57 parlamentanoj kaj registaro de dekduo da ministroj. La tahitia iĝis preskaŭ kunoficiala kun la franca – la leĝoj kaj juĝoj promulgitaj en tiu lingvo devas tamen esti akompanataj de traduko en la francan. En ĉiuj niveloj de la instruado estis enkondukitaj polineziaj lingvoj – ekzemple plej ofte dum du horoj kaj duono en la elementa lernejo. Ekde deko da jaroj oni celebras la tagon de la polineziaj lingvoj. Ankaŭ ĉinaj idiomoj – ĉu la mandarena ĉu la kantona – havas sian lokon en kelkaj lernejoj. La loka mono – la pacifika franko – estas ligita al la eŭro (1 EUR valoras proksimume 120 CFP). La tago de aŭtonomio, 29-a de junio, estas feria.

Por ilustri la politikan vivon de la teritorio dum la lastaj dudekkvin jaroj, ni pritraktos la karierojn de la tri homoj – ĉiuj viroj –, kiuj prezidis la lokan registaron dum tiu periodo.

- *Gaston Flosse*, naskita en 1931 de gambiera patrino kaj de metropoldevena patro, onidire parolis nur la mangarevan, kiam li alvenis 7-jaraĝa en Tahition. Instruisto kaj poste asekuristo, li alproksimiĝis al la plej riĉaj familioj de la teritorio kaj tre sukcese politikumis: en 1984 li fariĝis la unua prezidanto de la teritorio. Li provis disvolvi la ekonomion, kreante interalie la flugkompanion *Air Tahiti Nui*. Li elektiĝis en la francan parlamenton kaj ankaŭ en la eŭropan, eĉ



Vikimedio. Fotis *Jérôme Gallecier*.
***Gaston Flosse* intervjuata, 2006.**

fariĝis kvazaŭ ministro. Prezidanto de la loka aŭtonomisma partio *Tahoera'a Huiraatira* (Unuiĝo de la Civitanoj), strikte ligita al la dekstra partio tutfrancia *RPR* (poste *UMP*) kaj proksima amiko de *Jacques Chirac*, li tre lerte pluvigis subvenciojn super la teritorion, same dum francia registaro dekstra kiel dum maldekstra. Sed konstraŭstaro al lia aŭtoritata, klientisma reĝimo pli kaj pli akriĝis. Oni suspektis, ke li ludis gravan rolon en la malapero en 1997 de la ĵurnalisto *Jean-Pascal Couraud*, kiu enketis pri sekretaj kontoj de *Jacques Chirac* en Japanio. En 2004 *Gaston Flosse* estis renversita de koalicio, en kiu la sendependistoj ludis la plej gravan rolon. Kvankam li momente sukcesis reokupi la prezidantecon de la teritorio, malkovro de gigantskala koruptado kaj fraŭdo kondukis al lia aresto kaj provizora enkarcerigo en novembro 2009; li retrovis liberecon nur dum kelkaj tagoj, antaŭ ol reiri karceren lastdecembre.

- *Oscar Temaru*, kiu naskiĝis en *Faa'a* en 1944, estas filo de tahitiano kaj de virino devenanta de la insularo *Cook* (nun "sendependa" ŝtato polinezia, en libera asocio kun Nov-Zelando). Li profesiis kiel doganisto, kaj fariĝis urbestro de *Faa'a* en 1983. Lia partio, *Tavini Huira'atira no te Ao Ma'ohi / Front de Libération de la Polynésie*, postulas la sendependiĝon de tiu transmara franca teritorio. En 2004, post la renverso de *Gaston Flosse*, *Oscar Temaru* estis elektita prezidanto de la teritorio, sed la saman jaron "mocio pri demisio" (ekde tiam ofte uzita manovro en la polinezia asembleo) renversis lian registaron favore al la ŝajne neuzebla *Gaston Flosse;* oni tuj poste eksciis, ke du konsilantoj estis subaĉetitaj kun la helpo de la franca ministrino pri transmaraj teritorioj, *Brigitte Girardin*, kiu kompreneble neniam ekhavis problemojn pro tio; tamen tiuj du konsilantoj devis fuĝi al la fora Normandio por eskapi interalie la koleron de siaj samteritorianoj. Post krizaj monatoj *Temaru* sukcesis repreni la prezidantecon sekve al parta balotado, kiu redonis al li la plimulton. Ankoraŭ dufoje *Oscar Temaru* prezidis la teritorian registaron, fakte ĝis antaŭ nelonge, tio estas ĝis septembro 2009. Subtenita de la francaj socialistoj, *Temaru* estas teatrema homo, kutimanta je frakasaj deklaroj kontraŭfrancaj, interalie kiam li oficiale vojaĝas al diversaj ŝtatoj de Polinezio. Tamen li atingis malfermon de la malfacila dosiero pri la sankonsekvencoj de la francaj atomeksperimentoj en Pacifiko kaj ankaŭ en Saharo.



Vikimedio. *Fred*, 2006.
**Prezidantejo, *Papeete*.**

- *Gaston Tong Sang* naskiĝis en 1949 en *Bora Bora*, kies urbestro li estas ekde 1989. Inĝeniero studinta en la metropolo, li rapide fariĝis politikisto en la partio *Tahoera'a Huiraatira* de *Gaston Flosse*, kun kiu li longe kunlaboris. En 2006, post nova faligo de *Temaru*, li unuafoje fariĝis la prezidanto de la teritorio. Sed liaj rilatoj kun *Flosse* malboniĝis, tial tiu lasta simple alianciĝis kun *Temaru* por faligi *Tong Sang*. Logike, tiu ĉi kreis sian propran partion aŭtonomisman, *O Porinetia To Tatou Ai'a* (Polinezio, nia patrolando), kiu obtenis relativan plimulton dum la teritoria balotado de 2008. Tamen *Flosse* rehavis la pre-zidantecon, por nelonge ĉar *Tong Sang* lin faligis, kaj estis mem renversita

komence de 2009, sed reprenis sian prestiĝan postenon fine de la sama jaro[1]. Grava atuto de *Tong Sang* estas la oficialaj ligoj de lia partio *O Porinetia To Tatou Ai'a* kun la tutfrancia kaj nun reganta *Union pour un Mouvement Populaire* (*UMP*), kiu tiel forlasis la ne plu frekventeblan *Tahoera'a Huiraatira* de *Gaston Flosse*.

Jen komplikaj rilatoj – kaj ni devige simpligis, ĉar kompreneble ekzistas aliaj potencaj homoj, aliaj partioj, kiuj alianciĝas aŭ interbatalas laŭ la okazoj. Sed, tre resume, oni povas difini du periodojn, unuavide tre malsamajn, tio estas unua jardudeko sub la diktatoreca, ege korupta povo de *Gaston Flosse*, kaj jarkvino de proksimuma ĥaoso. Sed finfine tio montras la neeblon establi koheran demokratian reĝimon en Franca Polinezio. Kiu gajnas en tiu afero? Ĉefe la centra povo metropola, kiu tiel bone tenas la teritorion, malpermesante koheran disvolviĝon kaj pli klaran vidon pri kio farendas por atingi pli efikan, perspektivodonan mastrumadon. Ĉu vere malesperiga situacio?



Vikimedio. Fotis *Remi Jouan*, 2009.
**Sekigata kopro[2].**

## SURVOJE AL NOVA STRATEGIO

Komence de sia prezidenta jarkvino *Nicolas Sarkozy* anoncis, ke la transmaraj teritorioj de Francio devas fariĝi pli kapablaj disvolvi sian propran ekonomion, kaj ne ĉiam atendi subvenciojn metropoldevenajn. Tio montris ŝanĝiĝon en la kutima pakto: Francio strategie profitas de tiuj teritorioj, kie ĝi establis armeajn bazojn, kaj kompense multon pagas, interalie bazan renton por la multnombraj senlaboruloj. Sed tiu *Sarkozy*-a deklaro tutcerte ne pli kredendas ol multaj aliaj faritaj de la sama prezidento. La fiasko, fine de 2009, de la referendumoj en Martiniko kaj Gujano montras, ke la lokaj homoj ne fidas al la nuna pariza registaro, kiu emas promesi pli da aŭtonomio sen doni la ĝustajn rimedojn. Kaj gravaj, strukturaj problemoj plu ekzistas. Ni citu interalie la monopolan situacion akiritan de grandaj entreprenoj metropolaj (plejofte estrataj de amikoj de *Sarkozy*), kiuj mem decidas pri prezoj kaj tiel rekte profitas de la subvencioj. Lige al tiu fenomeno, la konsumaj modoj favoras "okcidentajn" produktojn, interalie nutraĵojn, kaj oni tendencas forlasi la tradiciajn manĝaĵojn; temas, en Polinezio, ĉefe pri batato, taro kaj ignamo.




Vikemedio. fotis *Sergio Calleja*, 2007.
**Maŝino por koka-kolo.**

Pro tio oni enkondukis "eŭropecan" bredadon kaj kultivadon, precipe en la Aŭstralan insularon, kie la klimato pli mildas, sed la tieaj tersurfacoj tute ne sufiĉas por nutri la tutan teritorion. Konsekvence oni devas amase importi, kio kostegas. Kelkaj lokaj tropikaj produktoj atingas tre altan kvaliton, sed ankaŭ tre altan prezon. Kaj fiŝkaptado restas metieca, tiom pli, ke iuj specioj grave minacatas. Tamen longtempa sukceso estis la "nigra perlo de Tahitio", atingita tra malfacila bredado de iu konkulo, *Pincta-*

*da margaritifera;* tiuj belegaj kaj kostaj perloj, grizeĝis nigrekoloraj, vendiĝas en la plej luksaj juvelejoj de la tuta mondo, sed la merkato bedaŭrinde komencas saturiĝi, kaj pro la tutmonda krizo la prezoj lastatempe falis.

Kvankam minejoj nun ne plu funkcias, la ekspluatado de la plurmetalaj konkrecioj, kiuj en iuj lokoj kovras la profundan oceanan grundon, postulos ege kostajn investojn, sed eble okazos en ne tro malproksima estonteco. Rilate al energio, la nuna registaro plej konscias pri la neceso disvolvi ties renovigeblajn fontojn; jam akvofalenergio estas uzata, kaj oni antaŭvidas la kreon de agentejo, kiu studos, kio estas farebla rilate al vent–, sun- kaj ond-energifontoj. Laŭ la unuaj "antaŭkonkludoj", ankaŭ tio postulos grandajn investojn, ne profitodonajn dum eble 15-20 jaroj.

Dumlonge turismo estis konsiderata kiel iaspeca panaceo, kiu daŭre alportos la bezonatajn enspezojn por vigligi la lokan ekonomion. Sed la situacio ne aparte brilas. Ekde 2001, la nombro de vizitantoj konsiderinde malkreskas, oni eĉ rajtas paroli pri katastrofa sezono por la fino de 2009. La usona klientaro ne plu respondas al la reklamoj de la tipo «Venu geedziĝi en niaj paradizaj insuloj». La ĉi-fakaj agantoj plendas pri la ekscesaj kostoj, ili dezirus la kreadon de senimpostaj areoj. Ankaŭ la flugkompanio *Air Tahiti Nui* estas trairanta tre malfacilan periodon, malgraŭ sia bona famo, kaj devas esti refinancita de la polinezia registaro.

Jen do entute sombraj perspektivoj. Tiom pli, ke kvarono de la loĝantaro troviĝas nun sub la malriĉsojlo. Mankas ne nur vere sur- kaj por-lokaj iniciatoj, sed ankaŭ kapitaloj por investoj, kiuj longe ne rentumos. Kie trovi tiun monon? Tutcerte ne plu, aŭ nur minimume, en Francio kaj Eŭropo. Kompreneble oni tuj pensas pri la pacifika mondo, kaj unualoke pri orientaziaj landoj, aparte Ĉinio, el kiuj venas proksimume 10 procentoj de la loĝantoj, sed eĉ multe pli, se oni reiras ... plurmil jarojn en la pasinton. Ankaŭ la studado tutcerte baldaŭ ne plu estos eŭropa. Ne nur la plej riĉaj familioj emas nun sendi la gefilojn al la pli proksimaj Havajo, Kalifornio aŭ pli ĝenerale Usono, finfine ne tiom pli kostaj kaj kun certe pli prestiĝaj eduksistemoj. Aliflanke tutcerte pli kaj pli disvolviĝos rilatoj kun aliaj polineziaj landoj, kiuj bezonas kuniĝi por pli bone fronti samtipajn problemojn. Tiel Franca Polinezio emas plene akcepti geografian pozicion aldone tute ne malavantaĝan, se veras, ke Pacifiko iĝas la nova nabo de la mondo.

Antaŭ du jaroj la sendependisma partio *Tavini Huira'atira no te Ao Ma'ohi* kaj ĝiaj tradiciaj aliancanoj postulis, ke UNO reenskribu Francan Polinezion sur la liston de la malkoloniendaj landoj, kie troviĝas ekzemple Nov-Kaledonio. Ĉu tio havus ŝancojn sukcesi? Tutcerte multaj en Francio povas tion timi, ne forgesante, ke granda plimulto de la loĝantoj de la teritorio estas etne polineziaj. Kaj la tradiciaj "amaj" rilatoj al la metropolo, kie fakte nur tre malmultaj polinezianoj vivas, ĵus estis endanĝerigitaj de tiu afero pri monkompenso al la viktimoj de radioaktivado. Eĉ *Gaston Tong Sang* lastatempe distanciĝis pro tio de la pariza povo.

Evidente malfermiĝas nova epoko por Franca Polinezio; espereble finiĝis la tempo de la subaĉetoj kaj kompromitoj. Tiuj turmentitaj jaroj ja povus naski pli realecan, ankaŭ pli dignan politikan orientiĝon. Ke tio povus konduki al sendependiĝo de la teritorio – kiu ja kunportas siajn riskojn, sed ĉu tio ne estas parto de la vivo de popoloj? – povas ŝajni kiel eble plej logika konsekvenco. **AF**

Noto: [1] La 10-an de aprilo, post nova politika krizo, *Oscar Temaru* estis elektita kiel prezidanto de la teritorio.

[2] Kopro estas la sekigita kerna karno de kokosoj, el kiu oni preparas kokosoleon. La vorto devenas de *koppara* el la malajala lingvo kaj signifas sekigitajn kokosojn.



Vikimedio. Fotis *Fred*.

Guiu Sobiela-Caanitz

# FORPASIS GRAVA ETNISTO
## Tavo Burat (1932-2009)

### Piemonta poeto, defendanto de la subpremitaj lingvoj

La 18-an de decembro 2009 mortis en *Biella* (Piemonto) *Tavot Burat*, amiko de la romanĉa ekde sia publikjura disertaĵo pri Grizono (1957), sed precipe "lingva revivigisto, poeto, prozisto, kultura mentoro": tiel nomas lin *Gianni Oliva*, "asesoro pri kulturo de la regiono Piemonto", en la antaŭparolo al la lasta poemaro de tiu aŭtoro (1). *Burat* estis la ĉefa aktoro en la daŭraj klopodoj por promocii la lingvojn de la etnaj malplimultoj ene de la itala respubliko, laŭ la sesa artikolo de ĝia konstitucio: «La Respubliko protektas la lingvajn malplimultojn per laŭcelaj normoj». Li povas esti konsiderata kiel la patro de la itala leĝo 482/1999 voĉdonita favore al tiuj lingvoj, kvankam tiu leĝo havas plurajn mankojn kaj eĉ ne mencias la piemontan. Mi ekkonis *Burat* en 1969, kiam li venis al Zuriko kun amiko por beletra konkurso organizita de la kataluna asocio "*Casa Nostra de Suïssa*".



Fotis *Ursula Schnelle-Moritz.*

***Tavo Burat*** **en Torino, 1991.**

### INTERNACIA AGADO

*Burat* naskiĝis la 22-an de majo 1932 kiel *Gustavo Buratti* en *Stezzano* apud Bergamo, filo de loka virino kaj de ties piemonta edzo. Dum la kvindekaj jaroj la juna *Tavo* lernis la provencan kaj estis fascinita de la poeto *Frédéric Mistral* (1830-1914, beletre Nobelpremiita en 1903). En 1961 li fondis asocion por la kulturo de la piemontaj valoj provenclingvaj. Decidiga estis lia renkontiĝo kun *Pierre Naert*, pledanto kaj promocianto de tiu lingvo, filo de provencanino kaj flandro, profesoro en la universitato de *Lund* (Svedio). *Naert* estis konvinkita, «ke la ekzisto de multaj lingvoj diversaj fondas esencan parton de la spirita riĉaĵo de la homaro, kiu malgrandiĝas kun la morto de ĉiu unuopa lingvo». Sub la impulso de *Naert* 52 universitataj instruistoj skribis maje de 1962 al la UNESKO-komisionoj de Danlando, Finnlando, Norvegio kaj Svedio, instige al agado en la sekvanta ĝenerala asembleo de UNESKO por protekti la minacatajn lingvojn.

Tiu peticio sin referencis al naturprotektado. En preskaŭ ĉiuj landoj ekzistas organizoj kaj preskriboj por protekti la rarajn kaj minacatajn plantojn kaj bestojn, sed ne estas organizoj oficiale agnoskitaj por protekti la malplimultojn (…) kaj precipe iliajn lingvojn. Unu jaron poste *Naert* fondis la Asocion internacian por defendi la lingvojn kaj kulturojn minacatajn, ĉefe kun skandinavaj kaj latinidaj membroj (2). Inter tiuj lastaj troviĝis *Burat*. Sed en 1970 *Naert*, ĝenerala sekretario de la asocio, devis retiriĝi pro nekuracebla malsano. Tial oni elektis novan komitaton kun sidejo en Francio; sed la asocio, tra la tempo, ne eltenis la ŝanĝon. Antaŭjuĝoj kaj rankoroj - precipe la germanofobio malbone kaŝita kaj la regemo de la francaj komunistoj - venenis la etoson. Dum jaroj *Burat* devis labori kun valono, kiu ĉefe deziris kritiki la engaĝiĝon de la flandroj por ilia lingvo. Kun la turnopunkto de 1989 kaj la fino de la malvarma milito evidentiĝis, ke la asocio de *Naert* ne plu estis efika. Hodiaŭ, almenaŭ en Eŭropo, sur tiu kampo plu laboras preskaŭ nur la Asocio federacia de la etnaj komunumoj eŭropaj.

## POR KULTURA PLURISMO

Male en Italio la laboro de *Burat* favore al la subpremitaj lingvoj donis fruktojn. Li vizitis ĉiujn komunumojn kaj organizis kunvenojn en ĉiuj, de la valseroj de Piemonto al la albanoj de Sicilio, de la slovenoj de Friulo al la katalunoj de Sardio. Li tre bone konis la historian rolon de Piemonto en Italio kaj komprenis la koleron de multaj italoj kontraŭ la piemontaj kreintoj de la naciisma ŝtato unuiga, unua paŝo al faŝismo. Samlinie kiel *Naert*, *Burat* konceptis ĉiun lingvon kiel faktoron de spirita riĉaĵo. Li simpatiis kun la italaj verduloj kaj kun ilia eŭropa parlamentano *Alexander Langer* (1946-1995), kiun oni nomis la "landlimano inter kulturoj". La patrolando de unu el tiuj "etaj lingvoj", kiun *Burat* defendis dum jardekoj kontraŭ la itala naciismo, tre formale omaĝis al tiu kavaliro de la kultura plurismo: en 2006 la prezidento de Slovenio donis la medalon pri merito al *Burat* pro lia laboro favore al la etnaj malplimultoj de Eŭropo.

## VARMIGI LA KOROJN

Ĝuste tiu granda piemontano montris, ke oni povas kunigi la engaĝiĝon por la subpremitaj lingvoj kun la promocio de la propra. La supre menciita poemaro evidentigas la rigorecon de la verkado en la uzado de la propra beletra ilo. *Burat* apartenis al la poezia skolo "*a l'ansëgna dij Brandé*"*. La *brandé* estas tiuj metalaj stabletoj, kiuj subtenas la ŝtipojn kaj lignajn tabuletojn en la fajrejo, por ke ili pli bone brulu. Fakte temas pri subtenado de la lingvo, por ke ĝi varmigu la koron de kiu legas aŭ aŭskultas. *Burat* verkis en la piemonta kojneo, sed li ankaŭ uzis lokajn vortojn laŭbezone, ekzemple "*brun-a*" (nokto) aŭ "*rasparela*", kiu respondas alla romanĉa "*spurella*" (ekvizeto). En unu poemo li esprimas sian amligitecon al la etna plurismo, menciante la "etajn patriojn" per ilia loka nomo, do Bretonion per "*Breiz*", la keltan Skotlandon per "*Alba*" kaj Eŭskion per "*Euskalherria*": «*Mè Piemont, Grischun, Prouvenço, Breiz, Alba, Catalunya, Euskalherria*» (p. 50). *Burat* estis tre engaĝita en la reformaciita valda eklezio; la simbolo de tiu komunumo, kandelo brilanta en mallumo, inspiris plurajn poemojn al *Burat*. **GSC**

***La Quotidiana*, la 10-an de februaro 2010****

Tradukis *Alain Favre*

# Jen du strofoj de "*La lum dël chinché*"
## (la lumo de la lampo, p. 121):

| | |
|---|---|
| ***La lüm ëd nòss chinché ti it ten-e anviscà,*** | **La lumo de nia lampo tenas vin lumanta,** |
| ***toe men e tò grinor a l'han fiorì*** | **viaj manoj kaj amo florumis** |
| ***la grangia con la reusa dël giardin.*** | **la garbejon per la rozo ĝardena.** |
| | |
| ***Con toe sempie e manenche maravije*** | **Per viaj simplaj kaj hejmaj mirakloj** |
| ***it goërnes ës-cet ël feu dël foliér*** | **vi konservas kvieta la fajron de l' fajrejo** |
| ***e sclinta l'eva sì aranda dl'adoss.*** | **kaj klara la akvon ĉi apud la fonto.** |

Notoj:

[1] *Sergio M. Gilardino* (ed.), *Tavo Burat*: *Poésìe. Turin (Centro Studi Piemontesi*, ISBN 978-88-8262-134-6) 2008. Adreso: *Via Ottavio Revel* 15, I-10121 *Turin*. E-poŝto: **info@studipiemontesi.it**. Retejo: **www.studipiemontesi.it**.

[2] *Heinz Kloss, Grundfragen der Ethnopolitik im 20. Jahrhundert. Wien (Wilhelm Braumüller)* 1969, p. 287.

Redakciaj notoj:

***** "*a l'ansëgna dij Brandé*" = sub la ŝildo de la kamenstabletoj. "*Ij Brandé*" estis la titolo de beletra revuo piemontlingva, kiu estis fondita de *Pinin Pacòt* en 1927.

****** *La Quotidiana* estas la ununura taggazeto en la romanĉa. Ĝi entenas artikolojn en la kvin skribformoj de la lingvo kaj ankaŭ en la supradialekta *Rumantsch Grischun*, kiu estis uzita de la aŭtoro de tiu ĉi artikolo. Vidu la retejon de *La Quotidiana*: http://www.suedostschweiz.ch/medien/lq/index.cfm

# Tavo Burat en mia memoro



Fotis *Ursula Schnelle-Moritz.*
***Tavo Burat*, *Anita Perič-Altherr* kaj *Uwe Joachim Moritz* en Torino, 1991.**

Kiam mi eksciis pri la morto de *Tavo Burat* (*Gustavo Buratti*), mi estis ŝokita kaj malĝojega, ĉar malaperis por ĉiam tre agrabla, vigla, inteligenta persono - vere valora homo.
Sen traserĉi arkivojn, mi asertas ke mi lin renkontis unuan fojon en 1972 okaze de la kongreso de la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK) en *Celovec/Klage-nfurt* (Karintio, Aŭs-trio). Tie mi estis novulo, dum *Tavo* jam estis grava elemento en tiu medio. En tiu kongreso, la membrokunveno decidis - mi tute ne plu scias kiesiniciate - ke la unualoka nomo de la asocio estu en la Internacia Lingvo kaj ke ceteraj nomformoj (la franca, itala, angla, germana k. a.) sekvu. Tra la postaj jaroj mi plurfoje renkontis *Tavo*-n, kiu elstaris en ĉiu kunveno per sia vervo en diskutado kaj, vespere, per plenvoĉa prezentado de piemontaj kantoj.
Ĉu en la AIDMLK-kongreso de *Ustaritze* (francia Eŭskio), ĉu en iu kunsido de la Federacia Konsilantaro de tiu sama asocio en Liono (Francio), estis precize *Tavo*, kiu demandis min pri la situacio de la platdiĉa lingvo en Germanio. Ne povante substance respondi, mi komprenis la demandon kiel ins-tigon okupiĝi serioze pri la indiĝena lingvo de mia propra regiono.
En la numeroj 3, 42, 48 kaj 63 de ***Etnismo*** eblis publikigi pli malpli ampleksajn informojn pri la lingvo kiu estis lia, la piemonta.
Plurajn jarojn poste, kiam mi partoprenis la italan Esperanto-kongreson en *Turin* / Torino, *Tavo* venis tien, kaj ni havis volonte memoratajn interparolojn pri antaŭaj eventoj kaj aktualaĵoj el la minoritatista “mondo”.
Cetere, ni havis nur unu komunan lingvon, la francan, ĉar mi ne regas la italan kaj *Tavo*, laŭ mia scio, ne scipovis la germanan.
Probable ĉiuj, kiuj konis lin kiel mi, neniam ĉesos memori lin.

***Uwe Joachim Moritz***

---

*Nicole Margot*

# SAVOJA ROMAO

Por diversaj laboraĵoj koncerne familian domon, kiun mi prizorgas, mi dungis paron, kies viro estas romao, aŭ, kiel li-mem preferas diri, “homo de la vojaĝo”.

## HOMO DE LA VOJAĜO

Pere de “homo de la vojaĝo” mi tradukis franclingvan esprimon tute kutiman por parolanto de la franca sed verŝajne ne tre internacian. Laŭ franclingva artikolo en Vikipedio, ĝi ekaperis en 1972 interne de du franciaj dekretoj sin referantaj al leĝo de 1969 pri la aktivadoj de la migraj laborantoj. Tion konfirmas *Alain Fayard*, tiu romaa konatulo pri kiu mi parolos en tiu artikolo: «Ĝis la jaro 1969 la migrantaj laboristoj devis havi iun “antropometrian

libreton" kun la indiko: -nomado-. En 1969 nova leĝo, valida ekde 1971, anstataŭis tiun "antropometrian libreton" pere de deviga "pricirkulada libreto" por la migraj laboristoj, en kiu oni anstataŭigis la esprimon -nomado-n per -"homo de la vojaĝo"-.»



Fotis: *Corinne Fayard.*

***Alain Fayard* en sia ĝardeno.**

En lando kiel Francio, kie etneco ekster la franca eĉ ne koncepteblas, oni verŝajne devas trovi neetnan terminon por nomi etnon kiel la romaan. Sed *Alain Fayard* mem diras, ke la romaoj, ne ĉiam samopiniaj inter si pri la maniero nomi sin, preferis tiun neetnan etikedon. Do tio signifas, ke iu ajn franca civitano deziranta migre vivi kaj profesie labori definiĝas per tiu termino, kaj al mia demando: «ĉu la "homoj de la vojaĝo" estas ekskluzive aŭ plejmulte romaoj?» mia romaa kunparolanto ne povis klare respondi. Ĉu familioj, laboristoj en foiroj, aŭ laŭsezonaj laboristoj, eniras tiun terminon sen necese esti romao? En tiu kazo oni povus diri, ke inter tiu granda familio de la "vojaĝantoj" la ideo pri vojaĝo pli gravas ol la etna aparteno. *A. Fayard* tamen rimarkas, ke inter si la "migrantoj" emas paroli pri sia etna deveno, manuŝa, jeniŝa aŭ alia.

Li mem malnomadiĝis kaj vivas kiel la plej multo de la francoj, ne plu bezonante tiun cirkuladan libreton. Tamen restas en li profunda solidareca sento kun la "homoj de la vojaĝo", kiu esprimiĝas en lia forta engaĝiĝo favore al ili.

Regule mi havas la okazon babiladi kun *Alain Fayard* kaj ĉiam pli mi miras pri la riĉeco de lia vivo kaj de liaj ideoj, pri liaj neatenditaj rakontoj kompare kun la opinio, kiun mi ĝis nun havis pri romaoj. Tiam mi pensis, ke indas kundividi tiujn paroladojn, ofte proksimajn al belaj fabeloj kaj eble iom idealigitaj, kun legantoj de ***Etnismo***. Certe la vivo de *A. Fayard* ne similas al tiu de ĉiuj romaoj, sed tio ankaŭ rompos nian tro oftan kutimon kliŝe ĝeneraligi. Kaj povas esti, ke rakonto pri aparta persono ankaŭ helpas al kompreno de pli ĝenerala situacio.

## ROMAA VIVO EN FRANCIO

Ekde la 15-a jarcento vivas romaa komunumo en Francio. La romaoj estis unue engaĝitaj kiel militistoj fare de la feŭdaj sinjoroj ĝis la malpermeso de Ludoviko la 14-a, kiu puŝis la tiamajn romaajn familiojn en kaŝitan vivon kaj pro ekonomiaj kaŭzoj, devigis ilin elekti migran vivmanieron[1].

La familio de *A. Fayard* loĝas en Francio ekde tiu epoko. *Alain* konservas admiran memoraĵon pri sia avo, kiel de iu klerulo pri la romaa kulturo. De tiu avo, li eklernis la historion de la romaa popolo. Mi miris kiam li rakontis, ke lia avo sciis la sanskritan lingvon kaj eĉ posedis iun rulpergamenon en tiu lingvo, kiun li ofte malvolvis antaŭ la okuloj de la nepo. Tiu mistera pergameno, pri kiu li nenion plu scias, rakontis, laŭ *A. Fayard*, la historion de la romaa popolo. Fakaj laboristoj aŭ fieraj militistoj, ili estis sklavigitaj kaj deportitaj en Persion pro siaj metiaj kompetentoj. Poste ili plu migris ĉu al Balkanio kun armeoj kaj otomanaj konkeradoj ĉu pli sude tra Egiptio[1].

Tiu avo posedis cirkon, kun kiu vojaĝis la tuta familio tra Francio kaj Mezeŭropo. Komence de la la dua mondmilito la franca ŝtato rekviziciis la ĉevalojn de la cirko, kvankam cirkaj ĉevaloj, purrasaj kaj edukitaj por danci, ne utilas por milito. Tial la ne plu uzata cirka materialo, estis deponita en vilaĝo, kaj poste bruligita en cirkonstancoj neniam klarigitaj.

Kie naskiĝis *A. Fayard*? En ideala loko por "homo de la vojaĝo", tio estas sur landlimo. Fakte je la belga flanko de la norda franca landlimo kaj la enskribiĝo de la novnaskito estis farita aliflanke, Francie.

Lia infaneco ankaŭ disvolviĝis en cirka medio, en la cirko de la onklo. Kun plezuro *Alain* memoras pri la fruaj vekiĝoj, senkompate kriataj de la patro, nomita la "koko-kanto". Jes, kun plezuro malgraŭ la abrup-

teco de la afero, ĉar ĉiu tago komenciĝis per regula trapezista trejnado aparte loga por infano, kvazaŭ ludo. Almenaŭ tion vivis la juna *Alain*, samplezure kiel la komunan agitadon ĉirkaŭ la konstruata kapitelo, kiam la klano instaliĝis en nova urbo.

Certe de tiu epoko *Alain* akiris iun tute naturan plezuron por la laboro, kiun oni normale kaj antaŭjuĝe ne atendas de romaoj. Li-mem konscias, ke lia eduko ne similas tiun de ĉiuj liaj sametnanoj. Li ekzemple memoras pri kuza familio, en kiu ŝtelado normalis, dum li estis severe punita de sia patrino pro falsa akuzo de ŝtelo, sen ke li povu unue senkulpiĝi. Por lia patrino gravis, ke la infanoj regule frekventu la lernejon kaj du el liaj fratoj daŭrigis studadon post la deviga lernejo. Li-mem pli emis al manlaborado, sed lia metia formiĝo mirige riĉas kaj seriozas, ĉar pri lia ĉefa profesio, ŝtontajlisto, li sukcesis fini la "ĉefverkon" de la Metikompana Korporacio.

## ASOCIA KAJ POLITIKA ENGAĜIĜO

De tiu metio, li tamen kaptis nekuraceblan pulman malsanon, kaŭzitan de silico kaj poste plifortigitan de laboro en entrepreno pri rubaĵoj kun danĝeraj kemiaj produktoj. Tiu malsano, kiu malhelpas lin labori plentempe, donas al li tempon dediĉiĝi al subteno de la "homoj de la vojaĝo", sed ne nur, ĉar *Alain* ankaŭ militas por la aŭtonomio de Savojo. Lia familia nomo estas savoja ĉar ĝi signifas -fago-n en la regiona franca lingvo de la arpitanoj (en la franca oni diras -*hêtre*- por -fago-). Sed ĝi estas relative nova ĉar adoptita de lia patro dum la dua mondmilito por eskapi naziajn koncentrejojn. Ĝi anstataŭis la germanan kaj jud(aspekt)an nomon *Waiss*. En alpaj bovinbredejoj *Alain* renkontis parolantojn de la savoja lingvo, kaj tie li sentis sin bone akceptita kaj konservis la kutimon uzi savojdevenajn esprimojn kaj fortan solidarecon kun savojanoj.

En niaj unuaj inter-paroloj *Alain* konfesis, ke unu vorton de la romaa li malamegas ĝis la punkto, ke li eĉ ne volas ĝin pronunci. Temas pri -gaĝeo-, tiu romlingva vorto donita al neromaoj, certe peza en la eduko de romaaj infanoj, kiujn oni ofte volas protekti de la "danĝera" ekstera societo. *Alain* eĉ diras, ke en ĝi kaŝiĝas malamo al tiu ekstera socio. Li mem volas aparteni samtempe al tiu ekstera societo kaj al sia heredita kulturo, tion oni povas legi en la retejo, kiun li malfermis favore al la "Homoj de la Vojaĝo"[2]. Lia aktivado okazas kadre de *Association Nationale des Gens du Voyage Catholiques* (ANGVC), (Nacia Asocio de la Katolikaj "Homoj de la Vojaĝo"). «Ĝi agas kaj disvolviĝas laŭ laikaj principoj» kaj defendas la rajtojn de ĉiuj "vojaĝantoj" «el ĉiuj etnoj kaj el ĉiuj franciaj regionoj.» Tiu retejo estas direktita unue al "vojaĝantoj" kaj ĝi disponigas plurajn praktikajn konsilojn koncerne: "priloĝajn impostojn por moviĝantaj rezidejoj (ruldomoj)", "Rajton je loĝejo", "Municipon kaj homoj de la vojaĝo", konsilojn al sendependaj entreprenistoj, konsilojn koncerne rilatojn inter vojaĝantoj kaj municipoj ktp. Sed oni trovas ankaŭ koncizan tekston pri la historio de la franciaj romaoj kaj etan prezenton de la romaa lingvo eltirita de artikolo pli kompleta, verkita far *Marcel Courthiades*.



Vikimedio. Fragmento de gravuraĵo fare de *G. Arno*.

**Romaoj haltis en Elzaco en 1872.**

Aparte tuŝis min artikolo titolita: "Voĉo de la "homoj de la vojaĝo", ĝin kompreni kaj ĝin igi efika". En ĝi ni povas legi inter alie: «Aparteco de la "homoj de la vojaĝo" estas blindiga malvideblo. Multaj amikoj kaj kuncivitanoj eĉ ne scias, ke "homoj de la vojaĝo" loĝas en ilia najbareco. Ilin, ili neniam renkontis kaj tamen laŭte kaj forte krias, ke ili malvolas ilin, dum la rumoro disvastigas nur negativan bildon de tiuj "vojaĝantoj" kaj de iliaj problemoj.» «"La homoj de

la vojaĝo" estas nek aŭskultataj nek aŭdataj.» «Se almenaŭ ni, "homoj de la vojaĝo", kaj vi, kiuj ne apartenas al ili, fine komencus aŭskulti nin reciproke, ni vidus, ke malgraŭ ne eviteblaj streĉoj sekvos kunvivado pli bone akceptita flanke de ni kaj de vi.»

## PRI IUJ DISKRIMINACIOJ

Inter la diskriminacioj, kontraŭ kiuj batalas *A. Fayard*, estas ĝuste tiu pricirkulada libreto pri kiu ni parolis pli supre. Por pli bone kompreni, kiel la posedantoj de tiuj libretoj sentas sin diskriminataj mi tie reproduktas parolojn el iu filmo pri romaoj trovita sur la retejo de *HALDE*, (Alta Aŭtoritato pri Lukto kontraŭ Diskriminacioj kaj por Egaleco) [3]:

«Estas pricirkulada libreto kun foto, fingrostampaĵoj, korpaj mezuroj, la nomo de la municipo al kiu ni estas devige aliĝitaj, kiel mi nomiĝas, la naskiĝdato, kiu estis mia patro, kiu estis mia patrino ... kaj ni devas ĝin subskribigi ĉiujn tri monatojn!» protestas virino. «Tie estas la diskriminacio. Sekvi la personon, kien ĝi iras ... Ĝi eĉ ne liberas. Ni estas en Francio tamen!»

Pri la aliĝa municipo, kiun aludas tiu virino, la leĝo de 1969 diras tion: Art.7 «Ĉiu persono petanta la ricevon de pricirkulada dokumento, antaŭvidita en la antaŭaj artikoloj, devas konigi la municipon, al kiu li/ŝi deziras esti aliĝita. La aliĝo estas deklarita fare de la prefekto aŭ subprefekto post la motivita opiniesprimo de la municipestro.»

Art.8 «La nombro de la personoj posedantaj pricirkuladan dokumenton, sen fiksa loĝejo aŭ rezidejo, aliĝitaj al iu municipo, ne devas superi 3% de la municipa loĝantaro ... Kiam tiu procento estas atingita, la prefekto aŭ subprefekto proponas al la petanto elekti alian aliĝmunicipon.» Esceptoj tamen povas esti akceptitaj por ne disigi familiojn.

«Ekzistas la identkartoj, sed ni, ni estas devigataj prezentiĝi al la ĝendarmejo ĉiujn tri monatojn por subskribigi la pornomadan libreton, kiun ili donis al ni. Ne justas ĉar de 800 jaroj ni loĝas en Francio kaj ni plu estas konsiderataj kiel enmigrintoj! Ne normalas. Mia filo devis enskribiĝi en asocio por tiuj, kiuj ricevas la Minumuman Integrigan Enspezon (RMI). Li estas devigata aliĝi sed ni, "vojaĝantoj", nur havas la pricirkuladan libreton kaj ili rifuzis lian aliĝon ĉar li ne posedis identkarton. La pricirkulada libreto por tiu aliĝo ne validas.»

«La voĉdonrajtigan karton mi ne povas havi ĉar mi ne havas fiksan loĝejon. Ni ŝatus voĉdoni, sed ni ne povas ...» La leĝo de 1969 parolas pri: «enskribiĝo sur la voĉdonrajta listo, laŭ peto de la interesatoj, post tri jaroj da seninterrompa aliĝo en la sama municipo.» *Alain Fayard* protestas: «Por la nevojaĝantoj nur 6 monatoj en la sama municipo sufiĉas por ricevi voĉdonrajtigilon!»

Kiam la leĝoj protektas la "vojaĝantojn", ili estas ofte malrespektataj. Ekzemple ĉiuj municipoj devas proponi kampadan terenon al la nomadoj, sed la asocioj defendantaj ilin devas lukti por respektigi tiun rajton. En la filmo jam menciita oni vidas, ke la "homoj de la vojaĝo" estas kontraŭleĝe rifuzitaj en sportkluboj, en laborlokoj, eĉ en lernejoj ktp. ***NM***



Vikimedio, *Yann*..

**Romaoj pilgrimantaj en *Saintes-Maries de la Mer*, Sud-Francie, 1980.**

Notoj:

[1] Mi tie lasas *Alain Fayard* esprimi sian senton pri la historio de lia popolo, verŝajne iom plibeligitan, sen kontroli la verecon de la historio. La celo de la artikolo ne estas precizeco en la historiaj faktoj sed portreto de homo kun sia subjektiveco. Nur la socia situacio de la romaoj en Francio priskribata en la artikolo estas bazita sur kontroleblaj informoj.

[2] <http://angvc74.jimdo.com/>

[3] <http://www.halde.fr/Les-discriminations-faites-aux.html>

# GAI SABER, okcitana muzikteamo el Piemonto

Ekde la 7-a ĝis la 8-a de aŭgusto 2009 okazis en la savojaj Alpoj la 8-a Festivalo pri Alpaj muzikoj, *Lo Feufliazhe*[1]. Ĉu tio rilatas al etnismo? Jes kaj ne. La multnombraj partoprenantoj venas kun diversaj rigardoj. Iuj vidas internacian aranĝon, kie renkontiĝas francoj, svisoj, italoj, aŭstralianoj, foje germanoj kaj slovenoj. Sed rapide ili eksentas, ke la ŝtataj limoj ne vere kongruas kun la realeco, kiam ili aŭdas la savojan grupon *La Kinkerne*[2] ludi kaj kanti aostvalajn, romandajn, piemontajn muzikpecojn. Ĝia fondinto kaj nutempa gvidanto, *Jean-Marc Jacquier*, jam de pluraj jardekoj kolektas tradiciajn kantojn kaj muzikojn el Savojo. Li renkontiĝis kun svis-romanda musikisto, *Michel Steiner*, kiu fondis en la vaŭda kantono instituton pri tradicia muziko de Romandio[3]. Ambaŭ kunlaboras, ili estas inter la iniciatintoj kaj organizantoj de la festivalo, kaj konscias pri la tuteco de la francprovenca[4] kulturo kaj pri iu tutalpa apartensento[5].



Romandaj, alemanaj kaj italaj svisoj, piemontlingvaj kaj okcitanlingvaj piemontanoj, aŭstrianoj partoprenis tiun jaron kun savojanoj kaj daŭfenlandanoj. La oficiala gasto estis grupo el Nord-Elzaco kun muzikistoj kaj dancistoj.

Por mi la plej intensiva momento estis la koncerto de la okcitana grupo, *Gai Saber*[6]. Oni antaŭanoncis, ke ĝi vigle ludas kaj "fajrigos la scenejon". Junulino tuj anoncis, ke ilia grupo komprenis, ke, por pluvivi kiel okcitanoj, necesas evoluigi la tradicion. Ili estas sep muzikistoj el la sama alpa vilaĝo piemonta, de diversaj aĝoj kaj ilia koncerto inspiriĝis de la trobadoroj rilate tekstojn kaj melodiojn, sed la ritmoj endiabliĝis pli proksime al rokmuziko. Eĉ se oni ne komprenis la tekston, la okcitanaj vortoj bele sonis inter tiuj tradiciaj instrumentoj elektro-nikigitaj. La vortoj frapis, la muziko eksplodis samritme kiel la akompanaj lumbildoj.

Bildoj pri okcitanaj pejzaĝoj kaj artaĵoj, pri okcitana mani-festacio en *Béziers*, sed ankaŭ pri nia urĝe savinda planedo al kiu estis destinata unu kanto.

La publiko varmece kunfrapadis la ritmojn kaj je la fino de la koncerto, kun granda emocio, eksonis la kvietaj kaj romantikaj notoj de la okcitana himno spontane sekvata de la savoja himno.

Se vi scivolemas pri muziko, mi forte konsilas vin viziti la retejon de tiu grupo <www.gaisaber.it>, kiu la postan tagon montris, ke ili ankaŭ lertas en tradicia kaj danciga muziko.

Notoj:

[1] *Lo feufliazhe*: arpitana vorto, kiu signifas en Savojo festo pri la fino de la falĉar laboroj.

[2] *La Kinkerna*: arpitana vorto, kiu signifas -vjelo-.

[3] Romandio: francparola parto de Svislando.

[4] Francprovenca sinonimas arpitana kaj kvalifikas lingvon parolatan inter la ok- kaj la ojl-lingvoj en Romandio, Savojo kaj ĉirkaŭaj francaj departementoj, en Aosta valo kaj okcidenta piemonto.

[5] Eĉ estis formata tutalpa orkestro, kun ĉirkaŭ 60 muzikistoj, pri tradicia muziko.

[6] *Gai Saber*: Gaja scio. Trubadura esprimo por tiuj scipovantaj am-lirikan literaturon. Post la starigo de la floraj ludoj (en Okcitanio kaj en Katalunio), venkanto de literatura konkurso estas nomumita *mestre en gai saber* (majstro pri gaja scio).

**NM**

# LITERATURO EN ALPAJ LINGVOJ

La 5-an kaj 6-an de marto 2010 okazis en Koiro (Grizono, Svislando) la 3-a eldono de la internacia literatura manifestacio "4+1 *translatar tradurre übersetzen traduire*". Organizita ĉiudujare en alia svisa regiono, tiu evento ĉiam koncernas literaturan tradukon inter la kvar lingvaj regionoj de Svislando plus unu gasto. Tiun jaron ne nur unu lingvo sed pluraj lingvoj el la Alpoj estis invititaj: la badia, la gerdejna (du lingvaj variantoj de la dolomita ladina[1], la unua parolata en la valo *Badia*, *La Gran Ega* en la ladina, kaj la dua en la valo *Gardena*), la slovena kaj la valza[2]. Kompreneble ĉar la evento okazis en la ĉefurbo de la grizona kantono la romanĉa sufiĉe gravis, tamen nur kiel literatura lingvo. Kiel komuniklingvo ĉefis la germana kaj foje apudis la franca kaj la itala.

Por etnistoj plej interesatis la alpaj lingvoj, tial mi nun prezentas la kvar gastajn verkistinojn reprezentantajn la alpajn lingvojn:

***Anna-Maria Bacher*** naskiĝis en 1947 en *Ossola*, en la valo *Formazza* tutnorde de Piemonto, Italio, valo kiu pinte eniras Svislandon. Post la lerneja epoko en *Domodossola* ŝi instruadis en la elementa lernejo de sia valo ĝis emeritiĝo. Forte engaĝata en la Valza Asocio por la konservo de la loka valza dialekto "*titsch*" en granda risko de malapero, *Anna-Maria Bacher* aŭtoras tri poemarojn en la valza kaj en la itala. "Hazarda verkistino", kiel ŝi mem difinas sin, ŝi ekverkis en 1983 por literatura konkurso en la valza lingvo. Ŝia dialekto estante ĝis tiam nur parola lingvo, ŝi devis trovi skribmanieron por partopreni la konkurson. Per tiu lingvo ŝi deziras esprimi la montaran nuntempan animon.

***Rut Bernardi***, unu el la plej gravaj ladinaj poetinoj, inter alie aŭtoro de sonetoj, naskiĝis en 1962 en *St Ulrich* (*Val Gardena/Val Gherdëina*, Italio, bolzana provinco) kaj tie ŝi kreskis. Alfabetigita en la itala, de gepatra lingvo ladina, ŝi devis iri al la germana, kiun ŝi adoptis kiel verklingvon apud la ladina. Ŝi plue kunredaktis trivoluman manlibron pri la romanĉa (*Handwörterbuch des Rätoromanischen*, 1994). Ekde 1994 ŝi ankaŭ kunlaboras al la planlingva projekto "*SPELL Servisc per planificazion y elaborazion dl lingaz ladin*" cele al disvolvado de komuna ladina skriblingvo. En Grizono ŝi gajnis unuan literaturan premion kun "*Dedite*", ladinlingva verko aperinta en unuigita skribmaniero. Kun la *RAI* ŝi ankaŭ kunlaboras al diversaj radioelsendoj en la ladina.

***Maja Hadelap***, slovenino el Karintio, naskiĝis en 1961 en *Bad Eisenkappel/Železna Kapla*. Kreskinta en kampara domo ŝi ne parolis germane. La germana estis unue nur skriba lingvo dum male ŝi lernis skribi slovene en la gimnazio, kaj nun la slovena iĝis ŝia ĉefa verka lingvo. Fakulino pri filologio kaj teatro ŝi fariĝis en 1989 teatra asistantino en la "*Teatro sbile Sloveno*" en Triesto kaj asistantino en la departamento por teatraĵo kaj filmo en la kongresa ➪

# K O N C I Z E E L …

**FRANCIO. PRESKAŬ 7000 LERNANTOJ STUDAS LA OKCITANAN EN LA DEPARTEMENTO *BOUCHES-DU-RHÔNE.*** Danke al la regula laboro de organizantoj pri instruado, ĉiujare pli da lernantoj studas la okcitanan en la departemento *Bouches-du-Rhône*. Tiun jaron 6700 infanoj sekvas kursojn pri la okcitana en la elementaj lernejoj. Kaj inter ili 3147 studas ĝin plentempe en "*Cèntre d'Ensignamen de-Countùni*" (Centro pri plentempa instruado). La departamento proponas tri horojn pri studado de la regiona lingvo kaj pliajn tri horojn de historio kaj matematiko instruatajn en la loka lingvo. Tio eblas ĉar instruistoj estas formataj tiucele. Oni kalkulas 78 instruistoj de la okcitana en la departemento. Ili ne solas ĉar aliaj instruas la lingvon ĉiusemajne. 50 el ili estas konataj, sed certe aliaj instruas sen anonci sin. Homoj eksteraj al la lernejo estas foje invitataj por paroli provence aŭ gvidi iun animacion en tiu lingvo. Tiuj lastaj ne eniras la statistikojn. Ĉiuj instruistoj formiĝas delonge kaj la organizantoj de la *Missien Academico de la Lengo Regiounalo* (Akademia Misio pri la Regiona Lingvo) ĉiujare organizas du staĝojn por 40 instruistoj.

Mankas tamen daŭrigo de tiu lernado en la meza lernejo. Nur 13 lernantoj plustudas je tiu nivelo kaj 8 celas abiturienton en la liceo.

El la gazeto *Accents* n-ro 21, marto 2010,
sendita de *Renée Triolle*

kaj kultura centro "*Cankarjev dom*" in *Ljubljana*. De 1989 ĝis 1992 ŝi eldonis la karinti-slovenan gazeton "*Mladeje*". Ŝi publikigis plurajn poemarojn en la slovena kaj en 1987 trilingvan poemvolumon. Ŝi ankaŭ publikigis verkojn pri literatura scienco kaj tradukarto en la slovenan.

La ladinlingva verkistino en la badia dialekto, ***Roberta Da Punt***, naskiĝis en 1970 en *Badia*, ankaŭ en la bolzana provinco. Ekde 1993 ŝi publikigis plurajn poemarojn en stilo aŭtenta kaj esprimoplena. Profunde enradikigita en la montaro, kie ŝi vivas, ŝi miksas religiajn kaj prinaturajn temojn. Ŝiaj poemoj publikiĝis ĉe la italia eldonejo *Einaudi*. Naskita en preskaŭ samaj kondiĉoj kiel *Rut Bernardi* ĉar en la sama italia regiono, Sudtirolo oficiale german- kaj itallingva, ŝi male elektis la italan kiel verkilon. La skriban ladinan lingvon ŝi malkovris nur antaŭ kelkaj jaroj. Kaj tempaltempe ŝi enmiksas ladinajn poemojn en siaj itallingvaj poemaroj, Sed, diras ŝi, mia itala lingvo havas ladinan subgrundon.

Tiuj hezitoj inter la diversaj lingvoj, kiuj ĉirkaŭis ilin infanece, same esprimiĝis de aliaj verkistoj. Ekzemple *Fabbio Pusterla*, de *Mendrisio* (Tiĉino, Svislando), multe vivas en Italio kaj preskaŭ sentas sin itala, dum alia verkisto, *Daniel Maggetti*, ankaŭ tiĉinano sed el la nordo de la kantono, el eta vilaĝo de *Centovalli*, ankaŭ alfabetigita en la itala, elektis la francan dum siaj studoj en Laŭzano kaj nun vivas tie kaj parolas kun la akĉento de nuntempa pariza intelektulo. ***NM***

Notoj:

[1] La ladina estas latinida lingvo el la grupo de la raetiaj lingvoj entenanta ankaŭ la romanĉan kaj la friulan. Ĝi estas parolata en la italaj Dolomitoj. (Vidu ***Etnismon* 79** p. 15 kaj **50** p. 20-21.)

[2] La valzoj estas alemana tribo vivanta en la alpa regiono. Ili parolas dialektaron el la alemana lingvo kaj venis el la svisa kantono Valezo por instaliĝi en altajn valojn de Grizono, Tiĉino, Savojo (kie ili asimiliĝis lasante spurojn), Aostvalo, norda Piemonto, Liĥtenŝtejno kaj Aŭstrio.

# Poemo de *Anna Maria Bacher* en la valza lingvo

## *Mim Tälli*

*I weiss nit warum*
*ni dêch äso gärä ha,*
*gittigi Seeludorna!*

*Mêt alti Umgiri*
*ärchlêpfschtmi im Wênter,*
*bêsa t Farufä ärgrifschtmär*
*un laschtmi blosäs*
*in der Guksu*
*wa mis Plangä geislut.*
*Denaa mêt warmi Muntschi*
*un forborgnä Kschmakch*
*ferdênuscht mini Lêbi*
*in di hêpschu Tzitti*
*un ferukchts, ferlêbämi*
*un ferlêrämi in di tüsuk Ksêchter*
*fa dim Herbscht.*

*Darum händi gärä*
*un blibä mêtdär*
*mis wêlt Tälli!*

## Mian valon

Mi ne scias
kial mi vin tiom amas,
avara animspino!

Kun maljunaj fantomoj
timigas min en vintro,
eĉ la kolorojn vi ŝtelas de mi
kaj lasas min nuda
en la neĝoŝtormo
kiu vipas mian solecon.
Poste kun varmaj kisoj
kaj misteraj parfumoj
rekonkeras vi mian amon
en la belaj sezonoj
kaj freneze enamiĝas mi
kaj perdas min en la milajn vizaĝojn
de via aŭtuno.

Tial vin mi amas
kaj restas al vi fidela
mia sovaĝa valo!

Tradukita helpe de itala versio kaj germana traduko.

# Letero de leganto

*Ni ricevis tiun ĉi leteron de Uwe Joachim Moritz koncerne la artikolon de Tomasz Chmielik pri "**Minoritatoj en Pollando**" aperinta en la lasta numero. Ni ĉi tie publikigas ĝin en sia kompleteco malfermante, se necesas, debaton pri liaj rimarkoj.*

La ĉefartikolo de *Tomasz Chmielik* pri "Minoritatoj en Pollando" aperinta en ***Etnismo***, n-ro 84, paĝoj 2-18, estas tre interesa kaj grava, interalie ĉar ĝin verkis kompetenta tiulandano. Tamen estu permesitaj kelkaj rimarkigoj:

1. Ne volante reveni nun al la eterna diskutotemo ĉu certa idiomo estas lingvo aŭ nur dialekto, sendube necesas klopodi pri terminologia precizeco - se ĝi estas atingebla. Lasante flanke la tipologion aplikatan far la Eŭropa Konsilio kaj truditan far Francio, Grekio kaj eventuale alia(j), ŝajnas al mi ja preferinde ne uzi la terminon "**naciaj**" minoritatoj, se la koncernataj homoj ne estas civitanoj de alia **nacio** (= ŝtat[anar]o). La germanlingvuloj de Belgio ne estas civitanoj de Germanio, sed anoj de la germana (aŭ eventuale de la rejnlanda) (sub-)**etno**. Se iuj el ili loĝas en, ekzemple, Danlando, estas prave paroli pri ili kiel (german-etnaj) membroj de la belga nacio.

2. Cetere, la eŭskoj, bretonoj kaj multegaj aliaj etnoj aŭ ties minoritatoj ja havas teritorion, kvankam ne sendependan ŝtaton.

3. La indiko "**eksterteritoriaj**" lingvoj estas miskomprenebla. Ekster kiu teritorio ili estas troveblaj? Iliaj uzantoj ja vivas en certa teritorio, kvankam ili ne regas tie; tiurilatie ili samsortas kiel la bretonoj, kimroj, skotgaeloj, sameoj, germaniaj frisoj kaj platdiĉoj, ktp. - Ĉi-kuntekste plu pri terminologio: Kial nomi la saman etnon unufoje "**ciganoj**" kaj alian fojon "**romaoj**"? (Ĉi-lastan terminon ni plej ofte uzadis en nia revuo.)

4. Aparta kategorio "**mikrolingvo**" estas ne bezonata. Ĉu oni ankaŭ parolu pri la ĉina, angla, kastilia kaj rusa kiel "**makrolingvo**", nur ĉar ilin uzadas tiom pli da homoj? - Al iuj legantoj probable ŝajnas pedante atentigi pri tio ke Saterlando estas la nomo de la **municipo** (ne distrikto [*Landkreis*]), inter kies proksimume 13.000 loĝantoj pli, malpli 2.000 scipovas (mi imagas ke diversagrade) la saterfrisan lingvon/dialekton.

5. Same, la termino "**regiolekto**" estas superflua, ĉar la platdiĉa (kiun *Tomasz Chmielik* nomas malaltgermana), la astura kaj la okcitana estas lingvoj, kiuj ekzistis pli frue ol la ĉirkaŭantaj germana respektive kastilia kaj franca lingvoj kaj ties regionaj dialektoj.

6. Ni serioze kaj trankvile pripensu kaj diskutu, ĉu ni rajtas ripete **ekskluzivi la enmigrintojn**, kiuj konservas sian etnan lingvon aŭ la nacian lingvon de tiu ŝtato, el kiu tiuj homoj venis (aloktonoj). Kio diferencigas la situacion de turko aŭ irakano laboranta en iu EU-ŝtato kompare al tiu de galego, de albano (denaske vivanta en suda Italio) aŭ sameo en Suomio? Jes ja, ekzistas gravaj diferencoj: La homoj de la dua kategorio ĝuas la politikajn rajtojn de la loĝata ŝtato kaj ili scipovas, normale, la tiuŝtatan lingvon, dum la unuakategorianoj plej ofte ne rajtas aktive kundecidi pri la politika parto de sia vivo kaj, krome, troviĝas en lingve kaj kulture fremda ĉirkaŭo. Ankaŭ la aŭtoktonaj etnaj minoritatoj oftege malhavas tiujn kulturajn kaj lingvajn rajtojn. Cetere, neniu demandis la aŭtoktonojn, ĉu ili deziras vivi sub la regado far alietnanoj, kaj ilia partopreno en referendumo pri, ekzemple, la konstitucio de "ilia" ŝtato estas vana, se ili celas secesion por povi efektive mem determini sian vivon.

7. Kvankam la ĉi tie koncernata artikolego ne estas speciale lingvika, mi ja ŝatus trovinti kelkajn liniojn da substancaj informoj pri tiuj lingvoj kiuj ofte estas nekonataj ekster lingvistaj medioj, ekzemple, pri la jida, la karaima (aŭ, kiel ni kutimas diri en **IKEL**, la **karaja**) la kaŝuba kaj la lemka, kaj, eventuale, ankaŭ pri la diversaj dialektoj (?) de la mazuroj, poleŝukoj, silezianoj kaj varmianoj. Evidente, tio estus ega ŝveligo de la kontribuaĵo: ĉu tiu lingvika, modesta suplemento estas "liverebla" en posta numero de ***Etnismo***?

8. La maposkizoj estas ne vere utilaj, ĉar ilia formato estas tro malgranda kaj, tial, la regionnomaj literoj ne estas facile legeblaj. Krome, en tiutemaj mapoj estu retroveblaj la nomoj de geografiaĵoj menciitaj en la teksto.

9. Por regantoj de la pola lingvo, la bibliografio estas certe utila, kvankam, unuarigarde, la karaima (karaja) etno estas tro elstarigita, kio, duarigarde, komprenatas, ĉar la plej nekonata objekto bezonas esceptan atenton. - Ĉiu-kaze por legantoj, kiuj ne konas la unuajn 83 numerojn de ***Etnismo***, ne estus superflue mencii ke en tiu ĉi revuo jam aperis pluraj inform(et)oj pri la pollandaj minoritatoj. Jen la titoloj kaj pliaj precizigoj de apero:

- "Pollando - inter germanoj kaj tataroj", n-ro **15** (30.04.1977), p. 1- 4.
- "La kaŝuboj", n-ro **16** (30.09.1977), p. 12 - 13.
- "Historia ŝarĝo: Tamen 13 etnoj en PR Pollando", n-ro **41** (22.04.1987).
- [Leĝoprojekto pri la 15 etnaj minoritatoj] n-ro **51** (30.06.1992), p. 21.
- "Kontraŭromaa rasismo: bedaŭrinde nur ekzemplo el multegaj kazoj", n-ro **53** (28.05.1993), p. 15.
- [Etnaj minoritatoj en pola atlaso], n-ro **72** (15.12.2002), p. 2.
- "Pollando - La kaŝuba estas slava lingvo", n-ro **77** (15.12.2005), p. 17.

"Pollando, *Łubowice* - repreno de germana nomo" , n-ro **83** (31.12.2008), p. 22.

***Uwe Joachim Moritz***

***Pri la sama artikolo ni krome ricevis la sekvajn rimarkojn de Daniele Vitali:***
Je paĝo 2, dua kolumno, oni legas: «pro la malgranda nombro de uzantoj oni povas distingi en Eŭropo tiel nomatajn **mikrolingvojn**, kiel la karaima/karaja (kiu estas ankaŭ diaspora lingvo), la iĵora, la udmurta kaj la liva.» La aŭtoro volis verŝajne skribi la ***vadja*** ne la *udmurta*, ĉar la udmurta estas lingvo parolata de ĉ. 520.000 personoj, ĉefe en la Respubliko Udmurtio kadre de la Rusia Federacio.

**RESPONDO DE LA REDAKTISTINO:**
Ni dankas la du intervenantojn por iliaj interesaj rimarkoj kaj kompletigoj.
**Pri karaimo/karajo**, efektive *Uwe Joachim Moritz* pravas. En la glosaro de **IKEL** la uzo estas -karaja-. Se ni konsultas Vikipedion, kiu uzas -Karaimo-n, oni vidas, ke la formo -karaja- venas el la krimea lingvo dum -karaima- pli proksimas la hebrean formon.
**Koncerne la mapojn:**
**La polajn mapojn:** Nia intenco estis situigi, kiam eblis la rezidteritoriojn de la diversaj etnoj menciitaj fare de la aŭtoro. Ŝajnas, ke tiu elekto utilis al pluraj legantoj.
**Koncerne la mapo pri la lingvoj de la svisa kantono Grizono:** La nomoj de la lingvoj estas en Esperanto dum la geografiaj nomoj estas en la germana. Ŝajnis al ni, ke plej gravas por la leganto situigi la diversajn lingvojn, kaj tion ili povis fari.
**Koncerne lingvikajn klarigojn pri lingvoj menciitaj en la artikolo.** Certe estus interese havi ilin kaj mi petas ĉu la aŭtoron, *Tomasz Chmielik*, ĉu iun alian komptentulon kiu emus ĝin fari. Iliaj artikoloj estus tre bonvenaj. *NM*



**- INFORMILO 65**
**Internacia komitato por Etnaj Liberecoj, Honora prezidanto:** ***Uwe Joachim Moritz***

## *Karaj legantoj,*

Malgraŭ niaj asertoj en la numero **85** de ***Etnismo*** vi nun ricevas la lastan numeron antaŭ la Universala Kongreso de UEA, anstataŭ la du antaŭviditaj. Estas pluraj kaŭzoj al tio.
Unue, male al la lasta jaro ni ricevis de vi malmultajn artikolojn, tial la redaktista duopo devis multon verki, kaj tiu verkado eĉ plenumita kun plezuro aldoniĝis al la enpaĝiga laboro kaj malfruigis la aperon de tiu ĉi numero. Tial ne eblos produkti novan numeron por la fino de junio. La manko de artikoloj bone kompreniĝas ĉar la redakta datlimo estis fiksita (tro) rapide post la apero de la lasta numero. Sed ni kuraĝigas vin al venontaj kontribuoj se vi volas, ke via gazeto plu restu varia laŭ aŭtoroj.
Due ĉar ne okazos fakprelego de **IKEL** en Kubo ni ne bezonas verki enkondukan artikolon al tiu prelego, kiel ni ofte faras Trie vi povas konstati, ke tiu numero preskaŭ dikas kiel du numeroj kaj bonkvalitas. Ĝi enhavas tre kompletan artikolon pri Franca Polinezio kaj tuŝas diversajn temojn kaj opiniojn.
Ni do fiksis venontan redaktan limdaton je la **15-a de septembro 2010**. Tio lasas al vi tempon por serĉi ideojn kaj ekpreni viajn skribilojn. Ni deziras al vi bonan finprintempon kaj plezuran someron. *NM*

### IKEL-a ĈEESTO EN KUBO
Se, kiel dirite, okazos nek fakkunsido nek membrokunsido en la venonta Universala Kongreso, **IKEL havos budon dum la Movada Foiro**, kaj vi havos tie la okazon renkonti *Xabier Rico Iturriotz*, membron de nia estraro.

# *IKEL-ANOJ AKTIVAS EN ĈUVAŜIO*

### FORUMO PRI KONSERVADO KAJ DISVOLVO DE LA LINGVOJ DE LA RUSIAJ INDIĜENAJ NACIOJ
La 20-an de februaro en Ŝupaŝkaro (Ĉuvaŝio, Rusio) en la "Forumo de reprezentantoj de civitanaj organizoj pri la konservado kaj disvolvo de la lingvoj de la rusiaj indiĝenaj nacioj" partoprenis ĉirkaŭ cent homoj el deko da popoloj de la Rusia Federacio, ĉefe el la Volga areo, sed ankaŭ el Kaŭkazio kaj Siberio, inkluzive la tre foran Jakution. Inter la prelegantoj, kiel estrarano de IKEL, estis *Hèctor Alòs i Font*, kiu prezentis referaĵon en esperanto kun la titolo "Premu kun rideto. Kelkaj konkludoj el eŭropaj spertoj pri lingva restarigo".

### MALFERMO DE KLASĈAMBRO EN LA ĈUVAŜA LINGVO
Grupo de aktivuloj por la ĉuvaŝa lingvo, en kiu ĉefrolas esperantistoj, lanĉis la iniciaton malfermi



*Aleksandr Blinov* kaj *Hèctor Alos i Font* dum la forumo.

klason en la ĉuvaŝa lingvo en unu el la lernejoj de Ŝupaŝkaro, la ĉefurbo de Ĉuvaŝio. Eĉ se la ĉuvaŝa estas oficiala lingvo de Ĉuvaŝio, apud la rusa, kaj estas denaske parolata de ĉ. 60% de la loĝantaro, ekzistas en la ĉefurbo eĉ ne unu lernejo, en kiu eblas lerni en ĝi. Unu el la kaŭzoj estas la tre forta disfalo de la lingvo en la urboj, al kio aliĝas neglekto de tiufakto fare de la registaro kaj la tradiciaj ĉuvaŝismaj asocioj.

La iniciato, kiu ricevis la subtenon de la ĉuvaŝa edukministerio, de loka universitato kaj de lernejo, celas malfermi en la venonta kurso klason en la unua jaro de lernejo. La klaso uzos t.n. mergosistemon, t.e. instruadon en la ĉuvaŝa lingvo por infanoj ne parolantaj ĝin. Pretiĝas speciala instruprogramo por iom post iom enkonduki ĝin kiel instrulingvon, laŭ la ebloj permesataj de la rusia leĝaro. Samtempe pretiĝas informaj materialoj por konsciigi gepatrojn pri la indeco lerni la lokan lingvon kaj en ĝi, kaj ian nombron da novaj instruhelpiloj.

La iniciato havas ankaŭ la helpon de la bretonaj lernejoj *Diwan*, de kiuj oni planas lerni el ilia instrua, organiza kaj varba sperto. La kontakto kun *Diwan* sukcesis danke al la perado de la bretona **IKEL**-aktivulo *Daniel Houguet*.

*Hèctor Alos i Font*

**Informilo pri etnaj problemoj**

La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj** (**IKEL**) ricevas ***Etnismo***-n sen krompago. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5 € (inkluzive de la afranko). La artikoloj publicitaj en ***Etnismo*** ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "**IKEL-Informilo**" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.

**ESTRARO:**

**PREZIDANTO: Daniele VITALI** (padiano),
Rue de Flandre/Vlaamse Steenweg 143
B-1000 Bruxelles / Brussel
tel. poŝa: ++ 32 487 433698, retadreso: etnistoj@bigfoot.com
TTT-ejo: http://ikel.stel.net

**VICPREZIDANTO KAJ REDAKTISTO:**
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino),
ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel: ++ 41 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch

**SEKRETARIO: Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
Zuberoa Auzunea 4-1.D,
20400 Tolosa, Gipuzkoa, Euskal Herria/Eúskio
tel: ++ 34 630 44 68 63, retadreso: n.xil@kzgunea.net

**KASISTO: Llibert Puig** (kataluno)
Güell i Ferrer 223-1, ES-08203 Sabadell, Catalunya
tel: ++34-937109636, retadreso: l.puig@esperanto.cat

**KUNREDAKTISTO: Alain FAVRE** (savojano),
Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171,
FR-74140 Chens-sur-Léman, tel: ++ 33 450 94 02 08,
retadreso: afavre1@hotmail.com

**RILATOJ KUN ESPERANTO-GAZETOJ:**
**István ERTL** (hungaro), 22, rue Faulfiels
LU-7355 Helmdange, Luksemburgio,
tel. ++ 352 2633-2659, retadreso: istvan.ertl@gmail.com

**ESTRARANOJ:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), Mir pr. 15-55, RU-428024
Ŝupaŝkaro, Ĉuvaŝio-Rusa Federacio
retadreso: h.alos@esperanto.cat
**Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko),
Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz
Euskal Herria-Eŭskio
retadreso: xabirico@euskalnet.net

**SENDOSERVO:**
**KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO,**
poŝtkesto 1008, E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya
tel: ++ 34 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org

**KOTIZOJ KAJ KONTOJ:**

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ "tria-monda" lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de:
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
(Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  BLZ 370 10050 IBAN:
  DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  IBAN: SE9595000099604200743740,
  SWIFT **NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku "**ikel-y**" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certiĝi ke via kompleta kotizo alvenu en la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

Eblas reklami en ***Etnismo***!
Anonctarifo: (EUR): 1 p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6 p. 15.Rabato por membroj de **IKEL:** 10 %.

**Venonta redaktolimdato:**
**15-an de septembro 2010**